.Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero. rspring@tpg.com.au

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj




Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale

PLENUMITA 06/06/2019 Kvarcentdudeknaŭa eldono (unua eldono 20/09/2011)

## Rapide ekrigardu ĉiujn titolojn.

## Legu tiujn kiuj interesas vin

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Uzindaj ligoj** reta-vortaro Freelang Vortaro Plena Ilustrita Vortaro Duolingo Google Translate Pasintaj AE eldonoj duolingo entute lingvohelpilo Esperanta Retradio Esperanta himno PMEGramatiko openclipart.

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 830,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas 323,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)
Nun studas 302,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)
Nun studas 205,000 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)



## Gramatika serio “La Verbo en P.A.G.”. N.ro.71






**(La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay**

Ekzistas seso da verboj kiuj laŭ la signifo devus esti sufiksoj ĉe la sekvanta infinitivo. Ili uzatas nur kun infinitivo, neniam sen, kaj oni nomas ilin “modaj helpverboj”. Ili estas povi, voli, devi, rajti, kuraĝi, kaj iĝi. Iliaj infinitivoj ne estas Gramatikaj Objektoj, kiel la plej multaj aliaj infinitivoj post verbo. Ili do estas netransitivaj verboj. Ili devus esti “manĝvoli”, “venpovi”, k.t.p., aŭ pli mallongaj, sed ili ne estas, pro la eŭropaj lingvoj. Kelkfoje oni subkomprenas la (transitivan) infinitivon, ekz. anstataŭ “Ĉu ci volas havi (ricevi) kafon?” oni kelkfoje diras simple “Ĉu ci volas kafon?”; mi konsilas en Esperanto peni eviti tion. P.A.G. diras, laŭ mi malĝuste, ke oni povas juĝi tiajn modajn helpverbojn kiel transitivajn kun la infinitivo kiel Objekto ($ 181).

Kiam la devo k.t.p. estas en substantiva formo, la infinitivo funkcias kiel epiteto, do sen prepozicio: “Lia volo RESTI pli longe, estas akceptebla”. La samo validas por subordaj frazoj: “Ŝi volis, ke li restu”; sed ne kun ĉiuj modaj helpverboj, ĉar tiam la subfrazo estas, nepermesate, Gramatika Objekto.

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

Kelkaj verboj, i.a. peni, inklini, procedi, konsenti daŭri, persisti, ĉesi, sukcesi, ne estas propraj modaj helpverboj, sed povas okaze agi kiel tiaj.

Kelkfoje la moda helpverbo uzatas kiel ĉefelemento ĉe substantiva flankelemento, kiel en "plaĉ(o)vola kaj pagi(o)deva", kaj teorie kun verba ĉefelemento: "plaĉvoli". ($ 309).

*Marcel Leereveld*



# Mesaĝo el Melburno.





Karaj legantoj,

Ĉisemajne niaj membroj faros prelegojn/paroladojn kaj venontan semajnon ni ĝuos ludvesperon. Se vi havos la oportunon, vizitu nin kaj ĝuu la amikecan atmosferon.



*Heather Heldzingen*



# La Manlia Esperanto-Klubo





Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf
Unu taso da klubpagata kafo atendas vin.
La 1a de junio estis la unua sabato. Venis Roger Springer, Michael Peters, Chris Holliss, John Casey kaj Ian Wylles. . *Roger Springer.*





# EL LA POR-MIZERULOJ ANGULO....

.... kie mi min trovas. Sed, Marcel kara, ĉu paroli nacian lingvon dum Esperanto kunveno ne estas *monstra*? Kiu vorto, laŭ PIV, signifas "prezentanta nenormalan formon aŭ strukturon". Kaj ĉu tiu priskribo ne apartenas ankaŭ al monstraĵo? Do, al k*rokodilo* kaj al *krokodili?!*

Aliflanke, mi staras de vi ĝuste korektita. Sekvas demando kaj rimarko.

(1) De kie venis la kutima esprimo 'krokodili', kiun vi malaprobas?

(2) 'Etnolingvi' tre plaĉas al mi kaj de nun mi porĉiame ĝin uzos. Elkoran dankon.



Sed nun, necesas alia demando. Ĉu tute forigi 'Kroko'n el nia komuna kafo-tablo en Perto? Aŭ eble nomi ĝin 'Etno'? 😜😁

*Vera Payne*



# Demokrateco en mia ĝardeno.



## ĈU NI ESTAS DEMOKRATE HONESTAJ ?

Kiam mi vivis kiel lernejinfano en Eŭropo, oni diris al mi ke tie ĉiuj infanoj traktatas egale, almenaŭ en la eduksistemo. Mi eltrovis ke tio estas vera, ĉar ĉiu infano en ĉiu klaso de ĉiu lernejo, eĉ la tre malmultaj privataj, devis sekvi la samajn kursojn kun la sama enhavo kaj kun samkvalifikitaj instruistoj. Tio estis la kazo en ĉiuj elementaj lernejoj, kaj ankaŭ en la kvar malfacilecspecoj de la mezgradaj lernejoj, do tiuj inter la elementaj lernejoj kaj la teĥnikaj kaj universitataj instancoj. Ne utilas loĝi en loko kie haveblus pli bona



lernejo, ĉar ĉiuj devas esti same bonaj. Nek sendi gefilon al unu el la tre malmultaj privataj lernejoj, ĉar la apuda ŝtata lernejo devis esti, kaj estis, same bona kiel la privata, al kiu oni sendus sian infanon nur por eksterprograma religia instruo aŭ por kunesti kun same riĉaj aliaj lernejanoj. Kaj tiu egaleco estas necesa por demokrate trakti la infanojn de la nacio.

Ankaŭ en Aŭstralio oni diras ke eduke la infanoj same traktatas, sed tio ne estas vera, se la privataj lernejoj povas kaj rajtas diri ke ili instruas siajn lernejanojn pli bone ol la ŝtataj lernejoj. En ĉiu aspekto de la edukado la ŝtataj lernejanoj devas havi la same bonan instruadon; kaj ne la ja neprofesiaj gepatroj, sed la profesia ŝtatinstanco, decidas kio estas instruenda, kaj ĉie egale. Krome la edukado pagatas aŭ de la ŝtato aŭ de la infanoj laŭ alteco de la gepatra impoŝto, aŭ ambaŭ. En la edukadsistemo kelkaj eŭropaj landoj estas malpli demokrataj ol aliaj, sed tiu de Usono kaj de ĝia satelito Aŭstralio estas tre nedemokrataj. Mi bone konas la eduksistemon, ĉar mi laboris dum tridek jaroj en konataj privataj lernejoj.

*Marcel Leereveld.*

## SATELITOJ.

Cetere estas sendube malpli malagrabla esti satelito de Usono aŭ de Brazilo ol de Rusujo aŭ Ĉinujo aŭ Saŭdiarabujo. Kaj eĉ plej bona esti satelito de Norvegujo, mi opinias. *M. L.*

## NIA ANGLA LINGVO .

Nia angla lingvo estas perfekta, perfekta por la elnaskiĝe anglaj parolantoj. Ĝi ne povus esti pli bona por ni; ni povas en ĝi diri ĉiujn niajn pensojn kaj sentojn, kaj eĉ nediri ilin. Sed ni pagas por tio: Niaj infanoj devas foruzi dufoje pli da tempo por lerni sian ol aliaj infanoj siajn lingvojn. Tiu tempo ne estas komplete perdita, ĉar lernante sian lingvon oni pli kleriĝas ĝenerale, sed la aliaj infanoj faras tion lernante pli pri sciencaj aŭ kulturaj aferoj. Tio estas nia sorto, kiel la sorto de religiaj edukadoj estas perdi tempon por lerni siajn bibliojn parkere, kvankam tamen iomete utila, por lerni praktiki nian pensadon.

Unu maniero por ekzerci la cerbon estas uzi neprononcatajn sed skribatajn literojn en sia lingvo. La angla ofte faras tion, sed ne la aliaj lingvoj, kiuj prononcas ĉiujn siajn literojn aŭ, kiel la franca, neprononcas certan pozicion. En ekz. la vorto "*slaughter*" la sono "o" reprezentatas de la kvar literoj a plus u plus g plus h. Ĉu ekzistas vorto kun pli da neprononcataj literoj skribitaj? En aliaj lingvoj tio ne okazas, ĉar oni forĵetis tion kion oni ne uzas. *Marcel Leereveld.*

## POR LINGVISTOJ .



Ĉar en nia propagando ni fanfaronas, ke per lernado de Esperanto ni pli bone komprenas nian propran lingvon, estas utila ankaŭ praktike montri kelkfoje, kiel ni speciale lernas per Esperanto etnajn lingvojn. Tio signifas ke en Esperanta artikolo oni kelkfoje mencias etnajn ekzemplojn, kun Esperanta traduko.

En eŭropaj lngvoj, kaj pli strikte en Esperanto, oni uzas unu vorton por iu signifo, kaj donas unu signifon nur al unu vorto. Sed okazas ke en Esperanto

pro naturaj kaŭzoj, kaj en etnaj lingvoj pro kapricaj kaŭzoj, oni kelkfoje uzas du aŭ eĉ pli da vortoj por unu sola signifo. Tio okazas en Esperanto, kiam unu vorto fariĝus tro longa aŭ tro malfacile komprenebla, ekz. "ajdzo", sed en etnaj lingvoj ankaŭ pro kapricaj tialoj, ekz. "*She DID COME in time*". La etnaj lingvoj tiel kreis diversajn kazojn, ekz. el "*I CLEVERFOUND him*" ili evoluigis *"I FOUND him CLEVER".*

Alia speco de kombinitaj vortoj por unu signifo estas la unusignifaj kombinoj de verboj por indiki nur unu signifon, ekz. *"She DID COME late*" (ŝi venis malfrue) por indiki nur unu agon, nome "la preteriton de "*come*" (=venis). En ĉiuj tiaj kazoj de verba signifo en du vortoj (aŭ pli) la unua verbo estas la t.n. helpverbo (unu el "*to be, to have, to do, shall*"); ĝi en etnaj lingvoj estas la "finita" verbo, uzata kun Subjekto, kaj en Esperanto simple "la verbo", kun unu el la finaĵoj –as, -is, -os, -us, kaj –u. Hodiaŭ ni klarigos nur la etnolingvajn verbkombinaĵojn. Ekzistas kvar tiaj: **1e**. Sentempa, aŭ daŭrtempa, participo aktivvoĉa (angle kun "*-ing*" kaj Esperante kun "-ant- aŭ -at-") kune kun la helpverbo "*to be*" (esti); **2e**. Sentempa aŭ daŭrtempa pasivvoĉa participo (angle kun "*-ed*") kune kun la (tempon indikanta) helpverbo "*to be*"; (en Esperanto "-at-" kun tempindika "esti"; **3e**. La infinitivo kun helpverbo "*shall/will*" por indiki la futuran verbtempon; **4e**. (en la etna lingvo angla nur) la infinitivo kun la helpverbo "*to do*" por indiki demandon en la Preterito aŭ en la Prezenco (ne ekzistas en Esperanto nek en preskaŭ ĉiuj aliaj etnaj lingvoj). Jen ekzemploj de la kvar specoj: **1e**. *We shall be receiving the letter at 3h00*. (Ni estos ricevantaj) **2e**. *The letter will be received at 3h00* (La letero estos ricevata). **3e**. *He will soon return the book* (Li baldaŭ retrodonos la libron). **4e**. *Do you remember that?* (Ĉu ci memoras tion?).

Kaj jen la duonsciencaj klarigoj: La etnaj lingvistoj nomas ĉiujn kvar kombinaĵojn kaj ambaŭ partojn de ĉiu frazo, verbo, sed KAJ la participojn oni povas nomi adjektivoj ja estantaj predikativoj KAJ la helpverbojn ĉe la infinitivoj oni povas nomi "modaj verboj", ja origine estantaj tiaj: origine: : "*avoir à*" signifis "devi" same kiel "*shall/zal*"; kaj la germana "*werden*" signifis "fariĝi". Kaj same la angla "*do*" = "faras". Zamenhof intue aŭ lingvisme sciis aŭ sentis tion, kiam li kreis en Esperanto nur adjektivojn kiel participojn, do kiel predikativojn: "Li estis ŝlosanta la pordon" kaj "La pordo estis ŝlosata de li". Li forgesis nur oficialigi sian antaŭan ekstran Verban Pasivon unuvortan, kiu nun estas "-ati" kiel en "La pordo ŝlosatis de li".

Same kiel kunmetita vorto, kiel aparta vorto, reprezentas unu signifon, tiu signifo kutime konsistas el signiferoj, kiujn oni povas mencii kaj kiuj ofte reprezentatas de parto de la vorto. Ekzemple la vorto "malsanulejo" enhavas kvin signiferojn, kaj ĉiu el tiuj reprezentatas de unu memstarebla parto de la vorto. La samaj signiferoj ĉeestas en la vorto "*hospitalo*", sed tiuj samaj signiferoj tie reprezentatas de nur unu vorto. Ĉar la plej multaj vortkunmetaĵoj, kaj ankaŭ la vortkombinaĵoj, la unu signifo per du apartaj vortoj, enhavas la diversajn signiferojn indikeblajn. Do en ĉiuj tiuj kazoj la lingvistoj donas ankaŭ al la apartaj vortoj ties specialan apartan nomon ankaŭ al tiuj partoj, laŭ ties al la tuto aldonita funkcio. Ekz. en la unueca kombino *"is burning*" la vorto *"burning*" nomiĝas Active Present Participle, kaj "*is*" nomiĝas helpverbo. "*Is*" indikas ke la tuto havas verban funkcion KAJ ĝi indikas la tempon. "*Burning*"

indikas la agon mem kaj krome la sentempan imperfektan daŭron. En *"I shall return at six"* *"return"* indikas la agon kaj nomiĝas "infinitivo" pro sia funkcio, kaj "*shall*" nomiĝas la futurhelpverbo ĉar ĝi indikas la tempon de la ago. En *"I have sent the letter at 3h00"* la vorto "*have*" nomiĝas la "*perfect tense aŭxiliary*' ĉar ĝi indikas ke ni sentas la efikon de antaŭa ago, kaj la vorto "*sent*" nomiĝas la *"past participle"* ĉar ĝi indikas ke la ago okazis en la pasinteco antaŭ "*have*", kaj estas aktivvoĉa. Simile, sed ne same, en *"The letter was/is/will be sent"* la vorto "*sent*" nomiĝas "*passive (and tenseless) participle*" ĉar ĝi indikas la agon kaj la pasivecon de la ago, sed ne la tempon (kaj ĝi do neniel povus nomati "*past participle*", kvankam la formo hazarde estas la sama, kiel en "*to work*" kaj "*the work*"). Pro la tri apartaj funkcioj la eŭropaj lingvoj, inkluzive de la angla, franca, kaj germana, havas do tri apartajn participojn.

*Marcel Leereveld.*








Ĉu vi rigardas pentrajon de Monet aŭ BES membroj, Linda kaj Petro nur ĝuis reflektojn en loka lageto en la centro de *Caboolture*
( origina nomo = "Kabul- Tur"; loko de "tapišo- pitono" )?

*Peter Danzer*







# Karaj kontribuantoj. Sen vi, AE ne povas ekzisti

*Merkredvespere mi sendas la novaĵleteron al la provlegantino por kontroli la lingvon kaj elsendas al la legantoj dum ĵaŭdo. Uzu ĝin por la reklamo de viaj semajnfinaj eventoj. Poste informu pri la sukcesoj de viaj kunvenoj en la sekvanta "Aŭstraliaj Esperantistoj" por montri ke viaj kluboj ekzistas kaj aktivas.*



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

.Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero. rspring@tpg.com.au

# Esperanto-Domo




Dimanĉon, la 2-an de junio, D-ro Elisee Byelongo, vic-prezidanto de la Esperanto-Asocio de Suda Afriko (originale de Kongolando) vizitis Esperanto-Domon, Sidnejo, kun siaj kuzoj (kiuj loĝas en Campbelltown, 1 horon aŭte for de Sidnejo). Bedaŭrinde, ili ne povas alveni ĝis iom post nia kutima kunveno, do nur Nicole Else kaj mi (Jonathan) restis. Tamen, ni du ja ĝuis la renkonton.

Elisee poste sendis mesaĝon: "Estis same grandega plezuro por ni ĉiuj. Mi ĝojas, ke per Esperanto mi faris du pliajn amikojn… "

(D-ro Byelongo estas la dua homo de la dekstro en la foto.)

Amike, Jonathan Cooper







**3zzz** En la elsendo de la 3a de junio 2019 vi trovos informojn pri la uzo de indiĝenajn lingvojn ( Memoru ke 2019 estas la jaro de indiĝenaj lingvoj ) kaj artikolon el Esperanto Sub la Suda Kruco de 1933. *Franciska Toubale*







La tialo pro la manka informo pri via klubo estas ke via klubo ne sendis ĝin al AE

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***